# LA NOVA ESTRARO DE IFEF

En la 62-a IFEF-kongreso, okazinta en Sofio, la komitato de IFEF elektis novan estraron, en kiu nur la kasisto agadas el la antaŭa estraro. Por iĝi estrarano ne signifas nur ricevi postenon, ne signifas nur sidi sur la podio kaj gvidi la komitatkunsidojn kaj aliajn okazaĵojn. Por iĝi estrarano signifas respondplenan agadon dum la kongresoj, kaj kontinue en la jaroj dum la tuta oficperiodo. La estraranoj reprezentas la fervojistajn esperantistojn en la kadro de UEA, kaj en ĉiuj forumoj, kie rolas esperantistoj. Ili estas la respondeculoj de la sorto de nia Federacio, kaj ili devas plenumi la decidojn de la komitato de IFEF pri agadaj kaj movadaj temoj. La estraro devas efike antaŭprepari kaj konsili la bezonatajn proponojn por helpi la movadan laboron dum la estrarkunsidoj. La estraro respondecas pri ĉiuj kasaj kaj bilancaj aferoj, pri la akurata librotenado kaj respekto de la buĝeto. Eĉ la estraro prizorgas la eldonadon de la federacia organo „Internacia Fervojisto" en la kadro de la disponeblaj financaj rimedoj kaj komforme al la celoj de la Federacio.

La nova estraro de IFEF ankoraŭ ne estas kompleta, ĉar ĝi ne havas novan redaktoron. Tiu ideo, ke kvar personoj preparas provizore la revuon IF, ne signifas longtempan solvon. Serĉi taŭgan fervojistan esperantiston por plenumi tiun gravan postenon estas la tasko de ĉiuj IFEF-anoj. Sen la organo de IFEF ne eblas efike agadi, do ni komune devas solvi tiun problemon.

Ankaŭ estas problemo, ke la nova estraro de IFEF ankoraŭ ne havas sperton por plenumi siajn taskojn senprobleme. Pro tio ni ĉiuj devas kunhelpi kaj apogi la estraran laboron. Nur kun komunaj pensmanieroj, kunlaboroj kaj fortostreĉoj ni povos kreskigi, plifortigi kaj disvastigi la fervojistan Esperanto-movadon. Ni devas daŭrigi la agadon de niaj antaŭuloj, kaj poste ni rajtos diri, ke la nova estraro laboras efike, kaj estas inda heredanto de niaj pioniroj.

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

**Urbodomo de Liberec**

## Enhavo:

# NIA VENONTA 63-A IFEF-KONGRESO EN LIBEREC (ĈEĤIO)

La 63-a kongreso de IFEF okazos de la 7-a ĝis 14-a de majo 2011 en la ĉeĥa urbo Liberec. En Ĉeĥio jam dufoje okazis IFEF-kongreso: en 1991 en la urbo Olomouc, kaj en la jaro 2001 en la urbo Tábor. Post dekjara paŭzo la ĉeĥa landa asocio proponis organizi la kongreson en Ĉeĥio, kaj la asocio tiucele elektis la nordĉeĥan urbon Liberec.

**Ĉeĥa respubliko** (ĈR) situas en meza Eŭropo, kaj la lando najbaras okcidente kun Germanio (810 km), norde kun Pollando (762 km), oriente kun Slovakio (252 km) kaj sude kun Aŭstrio (466 km). ĈR ampleksas teritorion de tri historiaj landoj – Bohemio, Moravio kaj parto de Silezio – sur areo 78.867 km$^2$. En Ĉeĥio loĝas 10,5 milionoj da loĝantoj (indiko el la jaro 2009). Administre ĈR dividas je 14 memstaraj regionoj. La ĉefurbo estas Prago.

Komencoj de la memstara ĉeĥa ŝtato estas troveblaj en dua duono de la 9-a jarcento (Granda Moravio). Dum la jarcentoj reĝis multaj prosperaj reĝantoj (ekz. Vaclavo, Vratislavo, Boleslavo, Otokaro ktp), kiuj helpis la evoluadon de la lando. La plej granda kaj signifa reĝo estis Karolo la unua (1347-1378), kiu kunportis grandegajn evoluojn al la vivo de la lando. Ekde la 15-a jarcento Ĉeĥio apartenis al la Habsburga Imperio. La sendependan Ĉeĥoslovakan Respublikon oni fondis en 1918, kiu antaŭ la dua mondmilito ĉesis. Post la dua mondmilito denove venis rapida evoluo en la lando, kaj post divido de Ĉeĥoslovaka Federacia Respubliko en du ŝtatoj ekde 1-a de januaro 1993 Ĉeĥa respubliko fariĝis memstara ŝtato.

ĈR estas demokratia ŝtato kun liberala konstitucio kaj politika sistemo, fondita je libera konkurso de politikaj partioj kaj movadoj. Ŝtatestro estas prezidento de la respubliko, la plej alta leĝdona organo estas duĉambra Parlamento de ĈR. La respubliko estas membroŝtato de Nordatlantika Alianco (NATO) kaj Eŭropa Unio.

**Liberec** estas granda urbo de ĉeĥa norda regiono kun 104.000 enloĝantoj, 100 km-ojn for de Prago. Ĝi kuŝas en rondvalo inter Jested montdorso kaj Jizerské montaro. La historio de la urbo komencas en la 13-a jarcento, kiam ĝi estis menciita unuan fojon en la jaro 1352 kiel malgranda vilaĝo. Novajn, gravajn ŝanĝojn Liberec markis en la dua duono de la 18-a jarcento.

Nuntempe Liberec havas vicon da interesaĵoj. La urbo fieras per multaj signifaj konstruaĵoj kiel la urbodomo, kastelo de Liberec, dometoj de Valdŝtejn, domo Ŝolc, teatro de Františ̂ek Xaver Ŝalda, multaj preĝejoj, lernejoj ktp. Konstruaĵoj de ŝparkaso, muzeo kaj komerckamero el jaroj 1901 kaj 1902 kreas per sia majesteco kaj stilpureco oran kernon de historia parto de la urbo. En la urbo troveblas botanika ĝardeno, zoologia ĝardeno kaj aliaj.

La kongresa centro Babylon, loko kie okazos la 63-a IFEF-kongreso, estas multfunkcia komplekso, kiu proponas idealajn kondiĉojn por aranĝaĵoj de kongresoj, ekspozicioj ktp. Ĝi disponas per salonoj kaj diversgrandaj kunvenĉambroj kun entuta kapacito pli ol 2000 personoj, bone ekipitaj per moderna prezentadtekniko. Al la komplekso apartenas ankaŭ kvarstela hotelo, naĝbazenoj, amuzparkoj, restoracioj, aĉetadurbeto, kaj aliaj lokoj.

Pri la vidindaĵoj en la urbo, kaj pri la dunontagaj kaj tuttagaj ekskursoj ni donos sciigon en la venonta numero de la revuo Internacia Fervojisto.

Kongresa n-ro:




# ALIĜILO

por la 63-a kongreso de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) aranĝita de ĈeFEA en tagoj de la 7-a ĝis 14-a majo 2011 en Liberec, Ĉeĥio

Adreso de LKK: Český železničářský esperantský svaz, Bratří Hubálků 161,
560 02 Česká Třebová, telefono kaj fakso:+420465532183; IFEF63@gmail.com
www:http//ifef.wz.cz

Bank-konto: Poštovní spořitelna, CESKY ZELEZ.ESP.SVAZ;

Kontonumero: 234562591/0300; IBAN: CZ37 0300 0000 0002 3456 2591

BIC(SWIFT): CEKOCZPP

Mi aliĝas al 63-a kongreso de IFEF, Liberec, Ĉeĥio, 7/5. - 14/5. 2011

S-ro ☐ S-rino ☐ IFEF-membro ☐ Vegetarano ☐ Handikapulo ☐

Familia nomo ............................................... antaŭnomo ....................................

Adreso: strato kaj numero ........................................ urbo ....................................

Lando ....................................... poŝtkodo ........................ naskiĝjaro ................

Telefono …………………………… Retadreso ……………………………………………

| Kongreskotizoj | | ĝis 31.01.2011 | ekde 01.02.2011 | sumo |
|---|---|---|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro) | | € 50 | € 60 | ................ |
| Familiano kaj junulo/ino ĝis 30 jaraĝa | | € 25 | € 30 | ................ |
| Kongresano (ne IFEF-membro) | | € 60 | € 70 | ................ |
| Ĉambroperado por aliĝilo | | | € 3 | ............... |
| Tranoktadkosto por tuta restado laŭ elektita kategorio (plej malfrue ĝis la 31.1.2011) | | | | ................ |
| Urbovizito Liberec | D1 | | € 12 | ................ |
| Urbovizito Botanika ĝardeno | D2 | | € 12 | ................ |
| Urbovizito ZOO ĝardeno | D3 | | € 12 | ............. |
| Tuttaga ekskurso Praha (tag- kaj vespermanĝo) | T1 | | € 70 | ................ |
| Tuttaga ekskurso Sychrov, Hrubý Rohozec (kun tagmanĝo) | T2 | | € 60 | ................ |
| Balo (sen vespermanĝo) | | | € 8 | ............... |
| Krompago por LKK | | | | ............... |
| | | | Sume | ............... |

Loko, dato:............................................. Subskribo:..........................................

Kongresa numero:

# Ĉambro - mendilo

Por la 63-a kongreso de IFEF, Liberec, Ĉeĥio, la 7-an ĝis 14-an de majo 2011

S-ro ☐ S-ino ☐ (skribu majuskle)

Familia nomo: ................................................... Antaŭnomo: ...................................................

Strato kaj numero: …......................................... Urbo: ..........................................................

Lando: ................................................... Poŝtkodo: ......................................

Mi deziras loĝi kun: ...................................................................................

Mi mendas ĉambron en hotelo: ..................................................................

| por noktoj: | 6/7 | 7/8 | 8/9 | 9/10 | 10/11 | 11/12 | 12/13 | 13/14 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |

La prezoj estas por unu nokto kaj unu persono:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Hotel Babylon **(kun matenmanĝo)** | 1-lita (€ 70) ☐ | 2-lita (€ 50) ☐ | 3-lita (€ 45) ☐ | 4-lita (€ 38) ☐ |
| Hotel Liberec 1 **(kun matenmanĝo)** | 1-lita (€ 38) ☐ | 2-lita (€ 30) ☐ | 3-lita (€ 27) ☐ | |
| Hotel Liberec 1 **(sen matenmanĝo)** | 1-lita (€ 35) ☐ | 2-lita (€ 27) ☐ | 3-lita (€ 24) ☐ | |
| Hotel Liberec 2 **(kun matenmanĝo)** | 1-lita (€ 30) | 2-lita (€ 25) | 3-lita (€ 20) | |
| Hotel Liberec 2 **(sen matenmanĝo)** | 1-lita (€ 27) | 2-lita (€ 22) | 3-lita (€ 17) | |

Mi konfirmas, ke mi konsentas kun la Ĝeneralaj instrukcioj kaj aparte mi deklaras, ke mi havas san- kaj akcident-asekuron por mia restado en Ĉeĥa respubliko dum la 63-a kongreso IFEF kaj postkongreso, kaze, ke mi partoprenos ankaŭ ĝin.

Mi venos al Liberec per ................................ la ......... -an de majo je la ........... -a horo.

Loko, dato: ....................................... Subskribo: ……….............................................

# PROVIZORA programo de la 63-a kongreso de IFEF, Liberec, 7. - 14. 5. 2011

| | | |
|---|---|---|
| 7. 5. 2011<br>(sabato) | 08.00-20.00<br>15.00-16.00<br>16.00-18.00<br>19.00-22.00 | Akceptejo/Informejo<br>Kunveno de la IFEF/LKK<br>Kunsido de la IFEF Estraro<br>Interkona vespero |
| 8. 5. 2011<br>(dimanĉo) | 08.00-18.00<br>10.00-13.00<br><br><br>14.30-16.00<br>16.00-17.00<br><br>20.00-22.00 | Akceptejo/Informejo<br>Solena malfermo<br>Uniformoparado<br>Komuna foto<br>Fake aplika komisiono<br>Prelego pri Liberec<br>Ekumena diservo<br>Nacia vespero |
| 9. 5. 2011<br>(lundo) | 09.00-18.00<br>08.30-09.30<br>10.00-13.00<br>14.00-17.00<br>19.00-24.00 | Informejo<br>Gazetarkonferenco<br>Nepublika komitatkunveno<br>Duontaga ekskurso D1<br>Internacia balo |
| 10. 5. 2011<br>(mardo) | 09.00-18.00<br>09.00-12.00<br>14.00-16.00<br>14.00-17.00<br>18.30-19.30<br>20.00-22.00 | Informejo<br>Plenkunsido<br>Terminara komisiono<br>Duontaga ekskurso D2<br>Prezento de la venonta kongreso<br>Koncerto |
| 11. 5. 2011<br>(merkredo) | 09.00-21.00<br>09.00-18.00 | Tuttaga ekskurso T 1<br>Tuttaga ekskurso T 2 |
| 12. 5. 2011<br>(ĵaŭdo) | 10.00-13.00<br>09.00-10.30<br>10.30-12.30<br>14.00-17.00<br>20.00-22.00 | Informejo<br>Faka prelego<br>Prelegoj – aktualaĵoj<br>Duontaga ekskurso D3<br>Kultura vespero |
| 13. 5. 2011<br>(vendredo) | 10.00-13.00<br>09.00-11.00<br>11.00-12.00<br>14.00-16.00<br>19.00-21.00 | Informejo<br>Terminara komisiono<br>Movadaj aferoj<br>Solena fermo de la kongreso<br>Adiaŭa vespero |
| 14. 5. 2011<br>(sabato) | | Hejmenveturado, postkongreso |

# PROTOKOLO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO
## en la 62-a IFEF-kongreso en Sofio (BG) 10.05.2010

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj laŭ normo ISO 3166).

**1. Malfermo, konstato de la mandatoj**

La Pr Bolognesi malfermas la kunsidon, salutas kaj bonvenigas la ĉeestantojn.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĉeestas estraranoj: | Pr | Romano Bolognesi | (IT) |
| | Vp | István Gulyás | (HU) |
| | Sk | Marica Brletić | (HR) |
| | Ks | Laurent Vignaud | (FR) |
| | Rd | Jean Ripoche | (FR) |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn :

| Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Leopold PATEK |
| Belgio | BE | Clara BRACKE |
| Bulgario | BG | Rena GEORGIEVA |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřích TOMIŠEK |
| Ĉinio | CN | Zuwu HAN |
| Danio | DK | Jan U. NIEMANN |
| Francio | FR | Sylviane LAFARGUE |
| Germanio | DE | Achim MEINEL |
| | | Bodo EHRLICH |
| Hispanio | ES | Martí GUERRERO |
| Hungario | HU | József CZIBOLY |
| Italio | IT | Vito TORNILLO |
| Kroatio | HR | Roža BRLETIĆ-VIŠNJIĆ |
| Norvegio | NO | Rolf BERGH |
| Pollando | PL | Krzysztof SILWON |
| Rumanio | RO | Rodica TODOR |

Ĉeestas 16 voĉdonrajtaj k-anoj el 15 landoj.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas la salutleterojn de s-roj :

a) Hp Per ENGEN (NO)
b) Hm János PATAY (HU)
c) Hm Martin STUPPNIG (AT)
d) Inĝ. Walter HUBER (AT)
e) Zlatko HINŠT (HR)
f) Jovan MIRKOVIČ (SI)

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 61-a IFK–Triesto 2009 ĝis la 62-a IFK-Sofio 2010. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta ekstariĝo, ke ili ripozu pace.

| Lando | Propra nomo | Familia nomo | Naskiĝdato | Mortdato | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Veronika | WAHRA | | 45-jara | |
| Bulgario | Vyara | KIRILOVA | 1925 | 02.03.2010 | prezidantino de societo „Verda Stelo” de Sofio |
| Ĉeĥio | Jaroslav | GEBEL | 27.12.1935 | 10.08.2009 | |
| | Anna | POLÁKOVÁ | 03.07.1934 | 07.11.2009 | |
| Francio | Michel | RAVERS | | | |
| | Maurice | EYMIEU | | | |
| Germanio | Alois | HAUPENTHAL | 27.07.1918 | 12.2008 | iama distrikt-komisiito |
| | Egon | RODERER | | | |
| Hispanio | Julián | LAS HERAS | 1924 | | |
| Hungario | Lajos | SLEINER | 22.01.1924 | 13.10.2009 | |
| | Imre | CZIRÁK | 18.06.1933 | 23.12.2009 | |
| | Miklós | LEVELEKI | 17.03.1924 | 25.10.2009 | |
| | Mária | BALOGH | 01.10.1943 | 24.03.2010 | kasistino de HFEA |
| Kroatio | Nevenka | PALKOVIĆ | 18.01.1934 | 21.08.2009 | longjara kasistino de KFEA |
| Pollando | Sylwester | WITKOWSKI | 1955 | 06. 2009 | |
| Norvegio | Egil | O. LARSEN | 15.09.1923 | | kasisto de NEFA |
| | Per Johan | KROGSTIE | 15.09.1929 | 07.11.2009 | NEFA-Pr 1962-1991, IF-red 1968-1974, Pr de NEL 1991-1995, Hm de IFEF |

**4. Estraranaj raportoj**

4.1.Sekretario legas la raporton kiu estas aperota en IF
Unuanime aprobita.

4.2. Redaktoro (aperis en IF 2010.1, sur paĝo 2)
Unuanime aprobita.

4.3. Kasisto (aperis en IF 2010.2, sur paĝoj 32-33)
La raporton de la revizoroj laŭtlegas la Pr.
Raportoj de la revizoroj kaj de la kasisto estas unuanime aprobitaj.

**5. Protokolo Triesto (IT)** (la protokolo aperis en IF 2009.6. sur paĝoj 90-96)
Unuanime aprobita.

**6. Raporto de la ĉefkomitatano**

La Ĉk legas la raporton.
Li partoprenis la aŭtunan kunvenon de la IFEF-estraro 19.9.2009 en Arnoldstein.

Li preparis kaj dissendis la cirkulerojn: unuan kun Demandilo por alvoki l.a.-ojn ellabori la jarraportojn; kaj apartan duan Cirkuleron por instigi kandidatiĝojn por la estraranaj funkcioj. La Ĉk klopodis daŭrigi kontaktojn kun individuaj membroj kaj trovi kontaktojn en landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion.
Unuanime aprobita.

**7. Kongrespropono(j)**

7.1. Elekto de la estraranoj

Post demisio de 4 estraranoj (Pr, Vp, Sk, Rd) venis 3 kandidatiĝoj, kiujn la Ĉk prezentas: Sylviane Lafargue (FR), Rodica Todor (RO) kaj Vito Tornillo (IT). La respektivaj kongres-proponoj aperis en IF 2010.3 sur paĝoj 47-49.
La kasisto estas reelektebla.
Okazas voĉdonado (Statuto § 18), administrata de Ĉk).
La rezultoj estas jenaj :

| tasko | kandidato | por | kontraŭ | sindeteno |
|---|---|---|---|---|
| Pr | Rodica Todor | 15 | 0 | 1 |
| Vp | Sylviane Lafargue | 14 | 0 | 2 |
| Sk | Vito Tornillo | 15 | 0 | 1 |
| Ks | Laurent Vignaud | 16 | 0 | 0 |

Ĉar por la estraro kandidatiĝis Rodica Todor, kiu estis ĝisnuna anstataŭanto de Ĉk, propono por nova anstataŭanto de la Ĉk unuanime aprobita estas Rodica Giuhat (RO). Rezulto de la voĉdonado: 14 “por”, 2 “sindetenoj”.

S-ro Romano Bolognesi konstatas rezultojn.
La nova e-o transprenas gvidadon de la plenkunsido.
Salut-vortoj de la novaj estraranoj.
La Pr Rodica Todor petas de la komitato la voĉdonadon rilate la rajton agi laŭ la Statuto, Ĝenerala Regularo 8.c): ke la k-o delegu la e-on decidi pri la honorigoj por la venonta trijara periodo.
Unuanime aprobita.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

8.1 Gvidanto

Jan Niemann prezentas la plej novan nombron de la „FervojFakaj Kajeroj”

8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)

Ladislav Kovář parolas pri fakaj aranĝoj en Ĉeĥio ĉe fervoja muzeo kun fakaj prelegoj pri sekurigado, kaj pri eldono de resuma libro fare de Jaroslav Matuŝka.
Dum la 62-a IFK la titolo de la ĉefa prelego estas „Rekonstruado de la ĉefa linio Sofio-Plovdiv”. Ĵaŭde okazos la programo de „Fervojaj novaĵoj”.
La raporto aperos en IF 2010 n-ro 4-5.
La raporto estas unuanime aprobita.

8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)

Heinz Hoffmann raportas pri la stato de la fervoja terminaro. Li emfazas, ke kolego S. Krüger kompilis CD-ROM-diskon kun la aktuala terminaro, kiun ĉiu posedanto de komputilo povas instali. La kvara eldono de la datumbanko RailLexic ankoraŭ ne estas preta, sed la laboro daŭras. La Terminara Sekcio diskutas pri la necesaj ŝanĝoj en PIV.

La raporto aperos en IF 2010 n-ro 4-5.
La raporto estas unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

9.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.

István Gulyás raportas pri la 94-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Bjalistoko, Pollando, inter la 25-a de julio kaj 1-a de aŭgusto 2009.Dum la kongreso partoprenis 1860 esperantistoj el 63 landoj.
Aliĝis al UEA Mongolio, tiel la nombro de la landaj asocioj de UEA estas 70. La nombro de la fakaj asocioj de UEA estas 35 kun la nova aliĝinto: Monda Asembleo Socia.
Dum la fervojista kontaktkunveno partoprenis 48 personoj el 14 landoj. La kunvenon gvidis la Vp de IFEF. Li konigis la centjaran historion de IFEF. S-ino Ackermann raportis pri la jubilea 61-a IFEF-Kongreso, okazinta en Triesto. S-ro Libner parolis pri la pola fervojista Esperanto-movado. Okazis fervojista fakekskurso al la loka stacidomo.
La venonta UK okazos en Kubo en 2010.

István Gulyás demisiis la postenon „Komitatano „A” de IFEF. La komitato de IFEF elektis novan Komitatanon „A”, kiu estas S-ino Sylviane Lafargue.
La raporto estas unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2009 el la landaj asocioj**

István Gulyás laŭtlegas la resumon. La skribita resumo aperos en IF 2010 n-ro 4-5.
La raporto estas unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

István Gulyás mencias, ke pri tiu temo li detale raportis en la resumo de la jarraportoj.
Jindřich Tomíšek parolas pri la ekonomia situacio en Ĉeĥio, kaj pri subvencia helpo de FISAIC-Sekcio de ĈD.

**12. Buĝeto 2011, kaj kotizkonfirmo**

La Ks ne proponas novan jarkotizon (restas 9 Eŭroj).
Jan Niemann proponas, ke tiuj landoj, kiuj adoptas perretan sendadon de la revuo Internacia Fervojisto, pagu pli malaltan jarkotizon al IFEF, ĉar IFEF ŝparas pro la retsendado. La nuna kotizo estas konfirmita, kaj ankaŭ la buĝeto por 2011. Unuanime aprobita.
Estas bona afero, se la novaj revizoroj estas el sama lando kiel la kasisto. La proponitaj novaj revizoroj estas: Jeannine Daguin, Denise Happi-Fosso, Christian Dardenne.
Unuanime aprobita.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC**

13.1 UEA

La rilato kun Universala Esperanto-Asocio estas kontentiga. UEA laŭdas la agadon de IFEF.

13.2 FISAIC

Romano Bolognesi klarigas la nunan situacion en la kadro de FISAIC. Li konstatas, ke la estonto de FISAIC ne estas garantiita. La Teknika Komisiono iom ŝanĝiĝis, kaj estas iom da konfuzo inter la teknikaj sekcioj de FISAIC. Dum la lasta kunsido de la Komisiono partoprenis Achim Meinel anstataŭ Romano Bolognesi. S-ro Meinel raportas pri la kunsido.
Kelkaj landaj asocioj de FISAIC ne partoprenas en la laboroj, kaj kelkaj ne pagas kotizon. La lingvaj problemoj ĉe FISAIC estis inter la germana kaj franca, nun nur pro la angla lingvo. Bedaŭrinde la lingvo Esperanto ne plu estas akceptita.
Venonta ĝenerala kunveno de FISAIC okazos en Rumanio. Rodica Todor estas invitita al tiu kunveno, kiu akceptis la inviton.

**14. Venontaj kongresoj**

14.1 Konfirmo de invito al la 63-a IFK en 2011
Ladislav Kovář konfirmas la inviton al Ĉeĥio en la urbon Liberec, kie okazos la 63-a IFK de la 7-a ĝis la 14-a de majo 2011.
Unuanime aprobita.

14.2 Elekto de lando por la 64-a IFK en 2012
Achim Meinel invitas la kongreson al Germanio en la „Esperanto urbo" Herzberg am Harz.
Jan Niemann petas oficialan inviton al ĉiuj landaj asocioj nome de LKK aŭ de sekretario de IFEF.
Unuanime aprobita.

14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj
Por la jaro 2013 proponas sin Francio.

**15. Eventualaĵoj**

Jan Niemann organizis enketon inter du kongresoj pri la estonto de IFEF. Bedaŭrinde malmultaj landaj asocioj respondis.

**16. Libera diskutado**

Marica Brletić:
Por sciigi landajn asociojn de FISAIC pri la venonta IFEF-Kongreso estus bezonate, ke la sekretario de IFEF petu la ĝisdatigitajn nomojn kaj adresojn de la landaj FISAIC-respondeculoj, ĉar la FISAIC-retpaĝo kun adresoj ne estas korektita minimume ekde du jaroj, kaj pro tio ne estas uzebla.

Leopold Patek:
En la IFEF-diskutlisto nur kelkaj partoprenantoj rolas. Ks respondas pri la aliĝebleco al la IFEF-retlisto, kaj ankaŭ pri la IFEF-retejo (<ifef.net>).

Jindřich Tomíšek:
Li proponas daŭrigi la kolektadon de la fervoja materialo.

**Sofio, la 11-an de majo 2010.**

Protokolis la sekretarioj:
**Marica Brletić**
(punktoj 1-7)

**Vito Tornillo**
(punktoj 8-16)

# LA 6-a AZIA KONGRESO DE ESPERANTO

De la 19a ĝis la 23a de junio okazis en Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio, la 6-a Azia kongreso de Esperanto. La kongresa temo estis "Azia harmoniiĝo per Esperanto". Ĝi altiris precipe la azianojn, sed partoprenis ĝin ankaŭ kelkdeko da alilandanoj. 24 entuziasmuloj alvenis per la Tra-Siberia Fervojo. Entute la eventon ĉeestis pli ol 200 kongresanoj el 27 landoj. Mankis nur afrikanoj. La kongresejo troviĝis en luksa kvinstela hotelo Ĉingis-Ĥano proksima al la urbocentro.

La kongreson organizis KAEM (Komisiono pri Azia E-Movado) kun lokaj esperantistoj. En la kunsido de KAEM estis elektita nova prezidanto. Dum la malferma ceremonio la kongreson salutis anstataŭanto de la ĉefministro. Oni legis kelkajn salutmesaĝojn kaj poste la reprezentantoj de partoprenantaj landoj salutis la ĉeestantaron.



*La inaŭguro de la Kongreso*

Multaj interesaj debatoj, seminarioj, prelegoj kaj aliaj altiraj programeroj okazis dum la kongresa semajno: Interkona vespero, fakaj kunsidoj, oratora konkurso, konversaciaj rondoj, aŭkcio, nacia kaj internacia vesperoj. Ni konatiĝis kun mongola historio, arto kaj kulturo, ni provis lerni la mongolan lingvon kaj eksciis pri Mongola E-movado, pri Esperanto en Unesko. Interesa kaj inspira estis elmontro de kaligrafio de la tuta Azio. Ankaŭ gejunuloj havis sian kunsidon, eĉ sportistoj-amantoj de la tabloteniso kaj diversaj religiaj grupoj trovis sian lokon tie.

Dum la tuttaga urba ekskurso ni konatiĝis kun vidindaĵoj de Ulanbatoro kaj de supre ni povis vidi tiun pli ol milionan metropolon.


*Japaninoj dum la internacia vespero*

Nacia vespero okazis en la teatro ekster la kongresejo. Ni spektis tradiciajn dancojn, kantojn kaj akrobataĵojn fare de profesiuloj. Ĝi estis admirinda spektaklo de arta scio kaj prezentado. Same belan kaj altkvalitan prezentadon ni povis spekti en la kongresejo de infangrupo. La internacia vespero estis tradicie dediĉita al talentoj el niaj vicoj. La vespero komenciĝis per parado de ĉiuj kontribuintoj en naciaj kostumoj. Japaninoj paradis vestitaj en "jukata" vestaĵoj. Poste oni montris al ni kiel vesti kimonon. Prezentiĝis diversaj muzikistoj, japanoj kaj ĉinoj montris ion el sia kulturo kaj ni admire spektis tiun kulturan kaleidoskopon.

La Azia kongreso estis vere impresa kaj fruktodona renkontiĝo. Ĝi donis al esperantistoj eblecon ĝui eksterordinare belan etoson, formi novajn amikecojn kaj malkovri mirindajn regionojn de la dezerto Gobi dum la turismaj antaŭ- kaj post-kongresaj ofertoj. Estas malfacile esprimi sur unu paĝo ĉiujn nuancojn de tiu bela evento. Denove pruviĝis, ke Esperanto estas la Internacia lingvo de komprenemo kaj amikeco. Mi certas, ke ekde nun la movado tie plifortiĝos, ĉar la entuziasmo de mongolaj esperantistoj estis grandega. Por multaj el ili la kongreso estis unika sperto.

En la Azia kongreso ni harmonie esperantumis, ĝuis agrablajn eventojn kaj amikajn renkontiĝojn, kio donis al ĉiuj grandan ĝojon kaj entuziasmon daŭrigi poresperantan vojon.

**Liba Gabalda**

# TRANSSIBERIA VOJAĜADO

Tre interesan pertrajnan vojaĝon ni efektivigis en junio 2010 de Moskvo al Ulanbatoro, kie ni partoprenis la 6-an Azian Kongreson de Esperanto. La vojaĝo daŭris 9 tagojn kun interrompoj en pluraj lokoj de Rusio. Ni estis grupo de 26 geesperantistoj el 7 landoj. La vojaĝon organizis kaj gvidis Tatjana Loskutova el Rusio. Post 5 tagoj, pasigitaj en Moskvo, ni startis la 10-an de junio de la stacidomo "Kazanskij". La trajno havis 19 vagonojn inkluzive restoracian. La vagonoj estis kupeaj kaj komunaj kuŝlokaj nomataj "plackart". (Ekzistas ankaŭ vagono kun pli luksaj kupeoj dulokaj kun televido kaj plia komforto). Mia edzo Floreal kaj mi volis sperti ambaŭ variantojn kaj tio efektiviĝis. Unue ni veturis en kupeo (po kvar personoj) kun geedza paro el Francio kaj poste en "plackart" kun portugala paro kaj aliaj homoj, inter tiuj kelkaj geesperantistoj. Ĉiun vagonon akompanas du stevardoj, kiuj alterne deĵoras tage kaj nokte. Ili prizorgas la pasaĝerojn kaj la bonan funkciadon de ĉio en la vagono dum la vojaĝo. Krom aliaj taskoj ili ankaŭ zorgas pri pureco de la vagono. Niaj stevardinoj estis du ĉarmaj studentinoj. En la koridoro estis varma kaj malvarma akvoj je ĉies dispono. Oni povas pretigi al si teon, kafon, solveblan supon kaj similajn aferojn. En pli grandaj kaj gravaj stacioj la trajno haltis duonhoron kaj eĉ pli. Sur la kajo jam atendis amaso da lokaj homoj kun diversaj varoj por vendi. Ili ĉefe proponis hejmfaritajn varmajn manĝaĵojn, trinkaĵojn, legomojn, fruktojn, dolĉaĵojn. Oni povis bone provizi sin kaj gustumi tieajn produktojn. En la restoracia vagono oni ankaŭ bone manĝis. Ofte ni estis la solaj pasaĝeroj, kiuj profitis tiun-ĉi servon. Lokanoj kutime kunportas sian propran provizon kaj manĝas en sia vagono.



Dum longa halto en Novosibirsk mi profitis la okazon kaj marŝis sur la kajo ĝis la lokomotivo. La lokomotiv-estro permesis al mi supreniri la maŝinon. Ĝi estis malnova, fabrikita en Ĉeĥio jam en la kvindekaj jaroj. Li estis tre kontenta, ke ĝi bone funkcias. Sidi en ĉeĥa lokomotivo en Rusio estis por mi bela travivaĵo.

En la trajno ni pasigis tri noktojn antaŭ ol alveni kaj halti en Krasnojarsk. Tie gajaj geesperantistoj atendis nin kaj ni pasigis du tagojn kun ili. La loka televido filmis la alvenon de nia E-karavano kaj intervjuis kelkajn el ni kun helpo de Tatjana. De Krasnojarsk al Irkutsk Floreal kaj mi transiris al "plackarta" vagono. En ĝi veturis plejparte uzbekoj. Kiel mi eksciis, ili konstruas lernejon en Irkutsk. Inter plenkreskuloj estis ankaŭ junaj knaboj, kiuj ne komprenis, nek parolis la rusan lingvon. Oni klarigis al mi, ke por helpi al siaj gepatroj ili devis labori de junaĝo kaj ne povis frekventi lernejon. Pro tio ili konas nur la gepatran lingvon. Mi sufiĉe bone interkompreniĝis per la rusa, ĉar antaŭ pli ol kvardek jaroj mi lernis ĝin. Tamen, mi devas konfesi, ke antaŭ tiu-ĉi vojaĝo iom mi reviziis miajn konojn. Tio estiĝis tre utila, mi povis senprobleme



konversacii kun rusoj kaj same en Mongolio kun pli aĝaj personoj. En la trajno pluraj scivolis pri Esperanto, do mi donis al ili kelkajn informojn kaj lecionojn. Ili estis tre entuziasmaj, sed ĉu ili daŭrigos la studadon per la reto kiel mi rekomendis al ili?

En Irkutsk atendis nin unu esperantisto kaj virino de la vojaĝagentejo. Ili montris al ni la urbon kaj poste ni veturis buse kaj ŝipe al la insulo Olĥon en la lago Bajkal. Tie ni pasigis du agrablajn tagojn vizitante ĝin piede, aŭte kaj ŝipe.

La lastan etapon, ĝis Ulanbatoro, ni ĉiuj veturis en kupea vagono. La tempo rapide pasis, ni interbabilis, ŝercis, multe ridis, rigardis pejzaĝon, fotis kaj filmis, iuj legis, sudokumis, mi krucenigmis. Multe da tempo ni pasigis ĉe la landlimo inter Rusio kaj Mongolio. Dogan- kaj pasportkontrolo longe daŭris, ili estis severaj. Post unu lasta nokto en la trajno, la 19-an de junio ni atingis la mongolian ĉefurbon, kie lokaj esperantistoj jam atendis nin. La vojaĝo estis tre interesa sperto kun emociaj impresoj.

**Liba Gabalda**

# MONTECASSINO

## Veterana memorceremonio 2010

Ripete mi memorigu, ke mi estis 17-jarulo jam en la germana armeo. Kiel montaran civitanon oni envicigis min konforme kaj fine komandis min en la „5-an Montaran Divizion“, kiu en la jaro 1944 okupis la Abruzojn ĝis al Montecassino. La lasta montriĝis elstara strategia punkto en la suda fronto – en la t.n. Gustavlinio. Sporade ankaŭ ni estis komanditaj al tiuj „inferaj“ lokoj.
Pro jam priskribitaj kialoj mi longtempe hezitis viziti tiujn lokojn, en kiuj mi pasigis tiutempe preskaŭ du monatojn – la plej terurajn en mia vivo! Vizitinda muzeo en Cassino demonstras iom la realecon! Jam plurfoje mi tuŝis tiujn eventojn, apenaŭ imageblajn.

Sed mia hodiaŭa tasko estas prilumi la laŭteman aranĝon. La pordon al tiu ja malfermis al mi la kongreso de IEF, okazinta en Cassino, kiun mi esperplene partoprenis. Bonvolemaj helpantoj ebligis al mi trovi eĉ la kaverno(j)n en la rokoj de Monte Cifalco! Dum la ferma ceremonio de la kongreso deputito instigis min doni mian adreson, por esti invitita okaze de la maja datrevena memorkunveno. Tion mi faris kun la espero eventuale renkonti iaman konaton. Historia dato estas la 12-a de majo, kiun mi prioritate rezervis tiucele. Ja koincidis gravaj aranĝoj – i.a. la 62-a IFEF-Kongreso-, kiujn mi bedaŭrinde devis neglekti.

Senpacience mi do atendis la promesitan alsendon de la respektiva programo.

Kiel serioza estas la urbestraro? Mi memoris kelkajn negativajn rimarkojn de nia loka helpinto, kiujn mi tiam ne povis kredi. Kiel ajn! Ĝuste de li - s-ro **Walter Jannetta** - mi ricevis senprokraste la demanditan programon. Aldone li sendis hotelproponon kaj eĉ la ampleksan programon de la alveturonta germana grupo.

Fine montriĝis, ke ne ĉiuj militintaj landoj alveturis kaj festadis samtempe.






Ne estis mia intenco integriĝi iusence, sed resti pli memstara kaj tiele nepre demonstri la praktikan utilecon de **Esperanto**. Unikan ŝancon mi trovis en la persono de s-ano **Giuseppe Valente**, kiu afable akceptis kaj gvidis min per propra aŭtomobilo – ne nur en Cassino mem. Li prezentis al mi en lia belega hejmregiono kiom eblis kaj gvidis min al diversaj eventoj! Afable li tradukis ĉion laŭ lia kvieta kaj pacienca stilo! Tiele ni sukcesis provoki interesitojn kaj disvastigi Esperanton. Se do iam okazos fondiĝo de E-grupo en Cassino, mi havos honoran devon aparte alveturi tiun ĉi interesan regionon.

La memorkunvenon mi pliriĉigis per memfarita memorsimbolo de zorgeme enkadrita edelvejsbukedo, ornamita per aŭstriaj koloroj kaj konforma memorskribaĵo! La edelvejso ja estis nia divizia simbolo! Bonvoleme akceptis kaj admiris ĝin la germanaj organizantoj – indas esti zorgeme lokigita en muzeo!
Ĉu mi estis la unua kaj sola aŭstro? Ankaŭ ceteraj iamaj konatoj ne (plu) videblis.

Ĉiukaze mi partoprenis la unuan fojon kaj do mi aparte observis la tutan ceremonion, kiun majstre gvidis s-ro Walter Jannetta, - eĉ la pastran celebradon li sperte asistis! Imponis la aparte vestitaj delegacioj – zorgeme preparitaj - sen iuj ajn politikaj insignoj! Solidarece enviciĝis ankaŭ atraktivaj italaj taĉmentoj! Respekton meritas la solisto, kiu trumpetis la memorigan melodion: „Mi havis kamaradon“! Ja pli ol 20.000 kuŝas nur en la germana tombejo! La kortuŝiga melodio sendube celis ankaŭ la aliajn tombejojn kaj aŭdeblis ĝis la abatejo de Montecassino! Entute memorinda ceremonio kun sencoplenaj alparoloj - admonoj ke neniam plu okazu io tia kaj ke ni ĉiuj zorgu serioze por konstanta paco! Cassino estas predestinita alvoki tiucele la tutan homaron unuanime!

Unuanime? Sen urbaj reprezentantoj? Sendube tia neglekto postlasas amarajn sentojn kaj la impreson, ke oni estas kvazaŭ nur „tolerataj“! Kial do la menciita, eĉ instiga invito? Ja montriĝis, ke la civitanoj de Cassino estas tre afablaj kaj gastemaj! Evidente temas nur pri la urbestra sinteno iom dubinda.
Ĉu li partoprenis la alilandajn ceremoniojn? Kiel ajn, saĝa agado tio ne estas, konsiderante la solidarecon flanke de Germanio! Do pravis jam siatempe s-ro Walter Jannetta, kion fine konfirmis ankaŭ s-ano Giuseppe Valente samsence. Ĝuste al ili ambaŭ mi kore dankas la spertitan amikecon!

Vole-nevole mi tamen plenumis la proponon de la urbestro de Arnoldstein s-ro **Erich Kessler**, saluti kaj transdoni personan memoraĵon al la „gastiganta“ urbestro. Mi ja loĝis en vid-alvida hotelo kaj ne estis problemo atingi lian rezidejon! Ni ne antaŭvidis longan restadon ĉe li kaj tiel pasis la akcepto tute formale kun fotado kaj transdono de reciprokaj memordonacoj.

Dank`al mia gvidanto ni ree vizitis la tutan regionon de Monte Cifalco, la respektivajn kavernojn ktp. Sekvis akcepto en la urbodomo de San Vittore del Lazio en etoso ne komparebla. La urbestro persone montris al ni la tutan – vere unikan – novkonstruitan komunuman rezidejon! Ne eblis foriri, ĉar li havis menditan vespermanĝon en same ĉarma gastejo! Sendube mia amiko Giuseppe Valente prave konsilis min, prefere lasi la „Trilandpintan Simbolon de Amikeco“ al tiu ĉi vere amikema urbestraro!

Sinceran dankon al ĉiuj – aparte al nia sindonema s-ano Giuseppe Valente!

**Martin Stuppnig**

# MIA VOJAĜO EN BULGARIO

Kiel reprezentanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio – ĉina landa asocio de IFEF, mi vizitis la rozan landon – Bulgarion, de la 7-a ĝis la 21-a de majo 2010, okaze de la 62-a kongreso de IFEF en Sofio, ĉefurbo de Bulgario. Post la kongreso mi vizitis la belan ĉemaran urbon Varna. Min forte impresis Bulgario, la bulgara popolo kaj tieaj samideanoj.

**En Sofio**

Mi atingis la flughavenon de Sofio la 7-an de majo je la 21-a horo kaj 55 minutoj, post transflugo en Moskvo, Rusio, kie haltis la aviadiloj de la rusa aviada kompanio Aeroflot de Pekino al Sofio. Ĉe la elirejo de la flughaveno min atendis LKK-anoj s-roj Metodi Markov kaj s-ro Enju Enev. Post amika salutado mi eksciis, ke d-ro Romano Bolognesi, nia prezidanto de IFEF kaj lia edzino Elisa venis el Italio al Sofio en la sama tempo. Interparolante ni vidis geSinjorojn Bolognesi ĉe la elirejo. Akompanate de du bulgaraj amikoj, mi kaj geSinjoroj Bolognesi estis kondukitaj per taksioj rekte al malsamaj hoteloj – geSinjoroj Bolognesi al la hotelo Aris kaj mi – al la hotelo Rusida. De tiam mi estis absorbata en la frateca etoso de Esperantujo. En la sekva tago s-ro Metodi Markov venis al la malmultekosta simpla hotelo Rusida, en kiu mi loĝis dum la kongresa semajno, la malgrandan hotelon mi trovis kaj mendis surrete. Poste li gvidis min viziti la akceptejon de la kongreso, kongresejon, kunvenejojn, fervoj-stacidomon kaj aliajn lokojn, por ke mi bone konu la urbon. En la akceptejo mi renkontiĝis kun LKK-anoj – prezidantino de la landa sekcio de FISAIC s-ino Veselka Kamburova, sekretariino s-ino Rena Georgieva kaj la kasistino s-ino Penka Dilova, ili ĉiuj estas miaj malnovaj konatoj en nia Esperantujo. Posttagmeze mi vizitis la urbon Sofion.

Sofio situas en la okcidenta parto de Bulgario kun la altitudo de 550 metroj super la marnivelo kaj la teritorio kun 1311 kvadrataj kilometroj. Ĝi havas la historion de sepmil jaroj. Sur la sofia kampo abundas je varmaj mineralaj fontoj kun la temperaturo de 21ºC ĝis 42ºC, kun multaj jonoj kaj saloj favoraj al la sano de homoj. En la VIII-a jarcento antaŭ la nova erao ĉirkaŭ la termofontoj aperis antikva traca urbo, konkerita de la romianoj kaj nomita de ili pli malfrue Serdika – ĝi estas urbo de la serdoj, laŭ la nomo de la loĝigita traca gento. En la XIX-a jarcento estis konstruita la unua fervojlinio en la Balkana Duoninsulo, kiel parto de la fama konata „Orienta ekspreso“.

Sofio estis liberigita de la armeo de la generalo Gurko la 4-an de januaro 1878. La mallarĝaj stratetoj kaj la gasaj lanternoj estis konservitaj ĝis la Dua mondmilito. La amerikaj bombardadoj en la milito kaŭzis ruiniĝojn en la centra parto de la urbo. En tiu tempo Bulgario unuiĝis kun faŝista Germanio. Dum la 30-aj kaj 40-aj jaroj de la XX-a jarcento Sofio estis areno de laboristaj strikoj, politikaj mitingoj kaj demonstracioj, sed ankaŭ centro de la kulturo, scienco kaj arto.

Sofio estas ankaŭ la plej granda industria centro de la lando. En ĝi koncentriĝas sesono de la produktado, okono de la loĝantaro, la granda parto de la politika kaj kultura elito kaj ŝtata kapitalo.

**La 62-a IF-kongreso**

La kongreso de IFEF la kvaran fojon okazis en Bulgario. La 20-a kongreso okazis en Varna en 1968, la 36-a kongreso estis en Slančev Brjag en 1984 kaj la 54-a kongreso de IFEF okazis en Plovdiv en la jaro 2002. La 62-a IFK okazis en Sofio inter la 8-a kaj 15-a de majo 2010, partoprenis 136 kongresanoj el 16 landoj.

Dum la kongreso okazis la solena inaŭguro, nepublika komitatkunsido, plenkunsido, solena ceremonio en memoro de «Sanktaj Kirilo kaj Metodio», fakprelegoj, movadaj aferoj, faka komisiono, kunsido de la Terminara Sekcio, prezentado de la venonta kongreso kaj fermo. Krome estis interkona vespero, nacia vespero, muzika vespero, adiaŭa vespero, bankedo, balo, duontaga kaj tuttaga ekskursoj. En la plenkunsido estis elektado de la estraro de IFEF. Estis unuanime elektitaj tri novaj pli juna estraranoj: prezidanto : s-ino Rodica Todor el Rumanio, vicprezidantino : s-ino Sylviane Lafargue el Francio kaj sekretario : s-ro Vito Tornillo el Italio. La kasisto Laurent Vignaud restas ĉe sia posteno. Provizore restas la ĝisnuna redaktoro. Dum la inaŭguro reprezentantoj de la landaj asocioj salutis la kongreson. Kun la gratulo de ĉinaj fervojistoj la donaco de CFEA al la kongreso – la ĉinstila klozonea vazo – estis bonveniga de la bulgaraj amikoj.

Dum la fermo la kongreso flago de IFEF estis transdonita de s-ino Veselka Kamburova el Bulgario al s-ro Ladislav Kovář el Ĉehio. La sekva 63-a kongreso de IFEF okazos en la urbo Liberec en Ĉeio en 2011. Laŭ la elekto de la kongresaj landoj, la 64-a IFK en 2012 okazos en Germanio kaj la 65-a IFK en 2013 en Francio. En neoficiala parolo la nova prezidanto s-ino Rodica Todor demandis min: „Ĉu Ĉinio preparos gastigi la 66-an IFK-on en Ĉinio en 2014?“

Kun la gratulo de ĉinaj fervojistoj la donaco de ĈFEA al la kongreso – la ĉinstila klozonea vazo – estis bonveniga de la bulgaraj amikoj.

Dum la fermo la kongreso flago de IFEF estis transdonita de s-ino Veselka Kamburova el Bulgario al s-ro Ladislav Kovář el Ĉehio. La sekva 63-a kongreso de IFEF okazos en la urbo Liberec en Ĉeio en 2011. Laŭ la elekto de la kongresaj landoj, la 64-a IFK en 2012 okazos en Germanio kaj la 65-a IFK en 2013 en Francio. En neoficiala parolo la nova prezidanto s-ino Rodica Todor demandis min: „Ĉu Ĉinio preparos gastigi la 66-an IFK-on en Ĉinio en 2014?“

**En Varno**

Post la kongreso mi veturis al la bela ĉemara urbo Varna, invitite de la bulgara fervojistino s-ino Ivanka Stojanova, kiu vizitis Ĉinion en 2006 okaze de la 58-a kongreso de IFEF okazinta en Ŝanhajo kaj starigis profundan amikecon kun ĉinaj fervojistoj kaj esperantistoj.

Survoje de Sofio al Varna mi spertis la rapidecon de la bulgara fervojo. La ĝenerala situacio de bulgara fervojo similas al tiu en Ĉinio antaŭ kelkaj jaroj. La fervojlinioj kaj ekipaĵoj estas malnovaj pro manko de financa subtenado. Lastajn jarojn la ĉina registaro realigas la reformadon kaj novkonstruadon en la rilata kampo, kaj Ĉinio sendepende projektis kaj mem faris la motorvagonaron Harmonio kun rapideco de 350-380 km/h.

Mi atingis la stacidomon Varna matene post ok-hora veturado en nokto. La distanco inter Sofio kaj Varna estas 543 km. En la kajo atendis min Ivanka. Ŝi kaj mi konatiĝis en 2005 en Braŝov de Rumanio. Ŝi estas sperta, kapabla kaj aktiva veterana fervojisto-esperantistino. Ŝi kondukis min al sia domo proksime al la stacidomo je 8 minutoj piedire kaj de marbordo je 5 minutoj piedire.

Varna, fondita fare de la helenaj koloniistoj en la 6-a jarcento a. K. kiel la urbo Odessos, estas nomata ankaŭ mara ĉefurbo de Bulgario, ĉar ĝi estas la plej granda marborda urbo de Bulgario.

La Nigra Maro estas interna maro de la Atlantika baseno inter Eŭropo kaj Azio ĉe la bordoj de Rusio, Ukrainio, Rumanio, Bulgario, Turkio kaj Kartvelio. Per la Kerca markolo ĝi kuniĝas al la Azova Maro, kaj al la Marmora Maro per Bosporo. Sude de la Marmora troviĝas la Dardaneloj kaj la Egea kaj Mediteranea Maroj. Enfluas gravaj riveroj: Danubo, Dnestro, Suda Bugo, Dnepro, Rioni Kizil-Irmak.

En la sekvaj tagoj, gvidate de Ivanka mi vizitis la plej grandan Ortodoksan Katedralon, palacon de kulturo kaj sporto, draman teatron, antikvan turon, muzeon pri historio de Varna, arkeologian muzeon, antikvaĵon Rimski Termi, mararmean muzeon kun muzea ŝipo-torpedoboato, maran ĝardenon Draski, kie ofte okazas subĉiela prezentado. Multaj infanoj kaj geknaboj, vestitaj je tradiiciaj naciaj vestoj, dancis kaj kantis. Gejunuloj prezentis popularan stratan dancon, ludis reformitajn elastajn stilojn kaj diversformajn ludojn. Gemaljunuloj libere babilas sidante sub la malvarmetaj arboj. La popoloj vivas en paca, trankvila kaj harmonia atmosfero, je kiu sopiras la pacamaj popoloj en la mondo.

Dum la neforgeseblaj tagoj ĉe s-ino Ivanka Stojanova mi trovis, ke ŝi estas ne nur bona esperantistino, sed ankaŭ bona dommastrino, kiu bonorde aranĝas la domon kaj lerte preparas diversajn bulgarajn manĝaĵojn. Guante la kuirarton de Ivanka, mi gustumis bongustajn, specialajn bulgarajn manĝaĵojn, someran malvarman supon, alispecajn supojn ktp.

En Bulgario mi ŝatis kontaktiĝi kun ordinaraj homoj kaj diversaĝaj bulgaroj, por pli multe ekkoni pri la kutimo, moro, socio kaj reala vivo de bulgaroj. La ĉefa tendenco en Bulgario estas reformado kaj disvolviĝo. La privataj firmaoj kaj entreprenoj multiĝas iom post iom. Ankaŭ en Bulgario aperas ekonomiaj malfacilaĵoj pro la monda financa krizo. Oni ofte plendas pri altaj prezoj de varoj kaj malalta salajro. Mi kredas, ke la ekonomio de Bulgario reboniĝos kun reprospero de la monda ekonomio.

**Finaj vortoj**

Mia travivaĵo en Esperantujo — roza lando Bulgario — donis al mi profundan impreson. La beleco de la lando, la streĉa klopodo de la bulgaraj homoj la gastamo kaj fervoro de esperantistoj estos gardataj en mia memoro. La amikeco inter esperantistoj de Ĉinio kaj Bulgario prosperos por ĉiam.

**Wang Lihua**

# FERVOJAJ NOVAĴOJ EN GERMANIO

### Trajnoj kunligos la centran flughavenon BBI kun la ĉefurbo

En la ĉefurbo de Germanio estas konstruata centra flughaveno *Berlin–Brandenburg-International* (BBI), aperanta sur teritorio de la origine orientgermana flughaveno *Schönefeld.*

Pri konstruado de la moderna centra flughaveno por la germana ĉefurbo decidis en la jaro 1996 la germana registaro kunlabore kun federaciaj landoj Berlino kaj Brandenburgio. Post malfacilaj traktadoj pri grundo, la 5-an de septembro 2006 la federacia registaro, ambaŭ menciitaj federaciaj landoj, Flughaveno Berlino kaj konzerno *Deutsche Bahn* (DB) subskribis kontrakton pri BBI. La flughaveno *Schönefeld e*stas pligrandigita al areo 970 hektaroj, kiu estas komparebla kun areo de 2000 futballudejoj. Nome de DB en la konstruado partoprenos ĝiaj filiaj kompanioj *DB ProjektBau* (projektado kaj konstruado), *DB Netz* (fervojreto), *DB Station&Service* (stacioj kaj servoj) kaj *DB Energie* (energio).

### Nova fervojstacio en la flughaveno estos konstruita subtere

La fervojaj konstruaĵoj estos dividitaj je novaj okcidenta kaj orienta trakkunligoj de la flughavena pasaĝerhalo. La priservadon de la flughaveno BBI prizorgos longdistancaj, regionaj kaj enurbaj trajnoj (*S-Bahn)* el direktoj de *Potsdam,* de urbocentro (Centra stacio kaj *Südkreuz)* kaj de *Lichtenberg.* Du subteraj kajoj de la nova flughavena fervojstacio sub la pasaĝerhalo estos 405 metrojn longaj kaj servos al longdistanca kaj regiona trajntrafiko. La kajolongo ebligos haltadon eĉ de eksprestrajnoj ICE kun du kuplitaj vagonkombinaĵoj. La urba fervojo *S-Bahn* havos apartan kajon 152 m-ojn longan kun du trakoj.

Fervojan kunligon de la nova flughavena stacio ebligos du dutrakaj linioj, unu por trajnoj *S-Bahn,* provizata per kontinua kurento, la dua por aliaj trajnoj, provizata per alterna kurento kun tensio 15 kV 16,7 Hz. La subtera flughavena fervojstacio estos 60 m-jn larĝa.

Post finkonstruo de la liniosekcio *Blankenfelde – Südkreuz* sur la tn. Dresdena fervojo, la veturtempo al centro de Berlino mallongiĝos al 20 minutoj en kvaronhora trajnintervalo. La nova stacio sub la flughaveno estos traveturebla kaj kunligos la liniojn al Dresden kaj Görlitz. La unua trajno alveturos al la flughaveno la 30-an de oktobro 2011.

### Granda investaĵo por fervoja kunligo

Antaŭ ol la unua trajno alveturos en la novan flughavenon, la publikaj budĝetoj disponigos por la konstruata fervoja kunligo de la nova centra flughaveno sumon 636 milionojn da eŭroj. La federaciaj landoj Berlino kaj Brandenburgio disponigos po 30 milionoj, la germana registaro 576 milionojn da eŭroj.

Al la nova flughaveno en Berlino veturos kaj urbaj trajnoj (*S-Bahn)* kaj ICE trajnoj.

### La flughavena giganto povos priservi milionojn da pasaĝeroj

Dum trafikmaksimumoj en la flughaveno BBI oni prognozas al/forflugon de ĝis 6 500 vojaĝantoj en horo. De la trajno la vojaĝantoj estos transportataj per ruliĝantaj transportbendoj dum 5 minutoj al la antaŭfluga pasaĝerpriservado. La nunaj berlinaj flughavenoj *Schönefeld* kaj *Tegel* en novembro 2009 priservis entute 1,7 milionojn da pasaĝeroj, el tio *Schönefeld* 521 mil da personoj. En unuaj dekunu monatoj de la lasta jaro temis sume pri 19,4 milionoj da personoj.

### La unua trajno alveturos al la nova Centra flughaveno la 30-an de oktobro 2011

Komenca anonco de bezono por Centra flughaveno estas reale planata je nivelo 22 milionoj da personoj jare, kaj la maksimuma kapacito estas projektita por 40 milionoj da vojaĝantoj en jaro.

Kompilis: **Jindřich Tomíšek**

# ENHAVTABELO POR LA JARO 2010

## IF 2010.1



## IF 2010.2



## IF 2010.3



## IF 2010.4-5



## IF 2010.6

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Eperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica.todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktoro:**
Provizora Komisiono:
J.Cziboly, I.Gulyás, J.Patay, J.Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Atentu:**
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Digitális és Jegynyomda Kft
Jászberényi út 55
HU-1106 Budapest

**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„ladislav.kovar@worldonline.cz“




**Ekde nun rezervu la datojn por ĉeesti la venontan IFEF-kongreson okazontan en Liberec (Ĉeĥio) de la 07-a ĝis la 14-a de majo 2011. Sekvos postkongreso. Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe viaj landaj asocioj.**



*Je la dispono de kongresanoj: Liberec Aquapark Babylon*

## NASKIĜDATREVENOJ

**La 05.09.2010, s-ro**
**E. Henning Olsen**
festis sian 80-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 1995 li estis
nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 24.10.2010, s-ro**
**Martin Stuppnig**
festas sian 85-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2008 li estis
nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 18.11.2010, s-ro**
**Gvozden Sredić**
festos sian 75-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 1997 li estis
nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por ilia plurjardeka rezultohava grava laboro**